# Boletín

la Federación Española de Esperanto



[illegible] MBRE - OCTUBRE, NOVIEMBRE -DICIEMBRE 1989

# "BOLETIN" BULTENO DE HISPANA ESPERANTO - FEDERACIO


Centra Oficejo: c/Rodriguez de San Pedro,13.-3º,P-7.-28015-MADRID.-
••••••

Prezidanto:
Antonio Alonso Núñez
Apartado 714
E-15780-SANTIAGO DE COMPOSTELA
••••••
Sekretario:
Manuel López Hernández
Apartado 369
E-41080-SEVILLA (Hispanio)
••••••
Vicprezidanto:
Alberto Franco Ramirez
••••••
Vicsekretario:
Luis Gil Pérez
••••••
Kasisto:
Fco.José Nieves Pavón
Pagojn sendu al: H.E.F.
Poŝtkonto nº 14.011.966
Av.República Argentina, 29
E-41011-SEVILLA (Hispanio)
••••••
Libro-Servo de HEF:
Luis Hernández Garcia
Apartado 119
47080-VALLADOLID.(Hispanio)
••••••
"Fundacio Esperanto de HEF"
Sekretariino: Inés Gastón
Pº de la Constitución,35.-4º
50001-ZARAGOZA (Hispanio)
••••••
"Esperanto Fundacio F.Soler"
Direktoro: Juan Fontecha
Duque de Calabria, 4.-2º
E-46005-VALENCIA (Hispanio)
••••••
-Junulara Sekcio (HEJS)
Prezidanto: Jordi Ferré
Apartado 23484
E-08028-BARCELONA (Hispanio)

Ĉef-Redaktoro:
Antonio Marco Botella
Av.Compromiso de Caspe, 27. 9º.C
E-50002-ZARAGOZA (Hispanio)
••••••
Redaktoroj kaj Kunlaborantoj:
Salvador Gumá Clavell,
Miguel Fernández Martin
Vicente Hernández Llusera
Andrés Martin González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutierrez Aduriz


Enhavo:



NOTO.- Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

Kovrilo: Elstaraj esperantistoj en la festo de la monumento-inaŭguro.

## REVO KAJ REALO EN MIA SALUTO

*La translokiĝo de la oficiala sidejo de la Federacio, kaj precipe la presado de "Boletin" en Zaragozo, bezonata pro ekonomiaj motivoj, konsilis al la nova estraro de HEF proponi al mi ĝian ĉefredaktadon. Ekzistas pluraj validaj kialoj, irantaj, de mia modesta kapablo ĝis mia pretendo plenumi propran privatan projekton jam antaŭ longe deciditan, kiuj klare montris al mi kiel plej bonan decidon, ne akcepti la proponon de la antaŭa kaj ankaŭ ne de la nova HEF-Prezidanto. Unu el tiuj motivoj estas, ke mi jam redaktas alian E-revuon; sed la realo krude montras, ke neniu zaragoza kapabla esperantisto pretas akcepti nun la postenon. Mi do meditis, rekonsideris la aferon, kaj fine decidis akcepti la respondecan taskon, ĉar nepre oni devas profiti bonan proponon por presi la bultenon. Kaj jen mi antaŭ vi...*



*Ke la tasko ne estas facila, tio povas esti kutima frazo ,sed ne malvera: en mia menso de veterana esperantisto, iom utopia kaj idealisma, ankoraŭ vibras malnova revo pri aperigo de elstara beletra E-revuo por hispanoj, kun riĉa literatura enhavo kaj ĉarmaj allogaj anguloj...*

*Kaj kiel mi, ankaŭ sendube same revis, kial ne?, la antaŭaj redaktoroj, de post nia karmemora L. Hernández Lahuerta ĝis nia bona amiko Giordano, sen ebla forgeso de pioniraj redaktoroj de aliaj hispanaj E-revuoj, ekde Jiménez Loira, direktoro de"La Suno Hispana"(1903), ĝis Jaume Grau Casas, redaktoro de "Kataluna Esperantisto" kaj de la lasta projekto pri beletra hispana E-revuo "Ibera Esperantista Revuo" (1931).*

*...Sed mi parolas pri revoj kaj la realo estas*

*alio. Mi pretendas prezenti al vi, karaj legantoj kaj amikoj, revuon freŝan, spirite larĝan kaj malfermitan al ĉiuj noblaj iniciatoj. Inter miajn celojn mi ne alkalkulas vesti nian gazeton pli brile, eble nur pli digne. Tamen, mi aspiras plibonigi ĝin per interesaj artikoloj kaj bonaj novaĵoj, sed kompreneble, por atingi tion mi bezonas vian kunlaboradon: mi ne povos prezenti al vi legindan revuon se viaj aŭ miaj artikoloj estas tedaj kaj ne bone konceptitaj. Viajn novaĵojn ne plaĉe oni legos se la eventoj kiujn vi intencas komuniki venas al la Redakcio tiel malfrue, ke ili povas esti io ajn sed ne novaĵo...*

*Jen kial mi diris, ke nepre mi bezonas vian kunlaboradon por plibonigi la bultenon, nian bultenon. Ne sufiĉas ja la firma volo de la Redaktoro, ni devas harmoniigi niajn korojn kaj nian agadon en tiu reva entrepreno. Ni, vi kaj mi, devas superi optimisme nian propran kapablon kaj ŝveligi niajn artikolojn, ne nur per la tuta poezio de nia animo, sed ankaŭ per ĉiuj stimuliloj necesaj por distri kaj amuzi nian legantaron kaj precipe por kuraĝigi niajn samideanojn venki ĉian pesimismon en ĉi tiuj krizaj horoj kiujn travivas nia Movado en kaj ekster Hispanio, kaj samtempe fari el nia "Boletin" elstaran revuon.*

*En tiu komuna tasko, mi promesas al vi, kontribui kun mia tuta entuziasmo, fervoro kaj amo. Se ni aŭdace kunpaŝas sur tiu vojo de fantazio kaj realo el kiuj ĉiam gazeto konsistas, vi estu certaj, ke ni atingos la celon.*

*Mi tion plenfide esperas!!*

*Antonio Marco Botella*

---

## LA UNUAJ SURSTRATAJ MANIFESTACION DE ESPERANTISTOJ?

Unuafoje, verŝajne, en la historio de Esperanto, la 14an de Oktobro 1989 okazis surstrataj samtempaj manifestacioj de esperantistoj antaŭ la sidejo de la respektivaj naciaj televidoservoj, por peti en kunordigita formo debatojn pri la Eŭropa (kaj internacia) lingva problemo. La manifestacioj okazis en Romo, Dublino, Rio-de-Janejro kaj Parizo. Brilan sukceson atingis tiu ĉi lasta organizita de UFE kun SAT-Amikaro.

# PREUNIVERSITATAJ KURSOJ

Jen du leteroj ricevitaj de nia nuna Prezidanto,S-ro Alonso Núñez: La unua, en la hispana lingvo, venas de la Direktoro de la Kabineto de l hispana ministro pri Edukado kaj Scienco, kaj kvitancas la ricevon de dosier pri la projekto de la diritaj Preuniversitataj Kursoj; asertas, ke la projekto ne estas facile konektebla al la ministeriaj programoj, tamen agnoska ĝian kulturan celon kaj pedagogian intereson, kaj donas 200.000-pesetan subvencion. Jen ĝi:

*El Director del Gabinete del Ministro de Educación y Ciencia*

Madrid, 3 de Octubre de 1989

Sr. D. Antonio Alonso Núñez
Presidente de la Federación Española de Esperanto
Rosa, 26 - 5º C
15701 SANTIAGO DE COMPOSTELA
(La Coruña)

Distinguido Sr.:

Me refiero a su carta, y al "dossier" que con ella me remite, sobre las actividades y proyectos de esa Federación Hispana de Esperanto.

Como Vd. ya conoce, por las conversaciones que ha mantenido con un Asesor de este Gabinete, no es fácil conectar aquellas con los programas del Departamento.

No obstante, y en atención a la finalidad cultural, interés pedagógico y a los destinatarios de los Cursos Preuniversitarios Internacionales en Esperanto que se proyectan celebrar en relación con el 78º Congreso Internacional, me es grato comunicarle, en nombre del Sr. Ministro, que será posible, de forma extraordinaria y por una sola vez, otorgarle una ayuda económica de 200.000 ptas. para contribuir a subvenir los gastos de organización de dichos cursos.

En consecuencia, oportunamente conectarán con Vd. los servicios técnicos del Departamento para concretar la efectividad y condiciones de dicha subvención.

Un cordial saludo,

Enrique Guerrero Salom

La dua letero, en la galega lingvo, venas de la Direktoro de la Insti-uto por Lingvoj de la Universitato Santiago de Compostela (nordokcidenta ispanio), kie S-ro Alonso gvidas libervolan E-kurson; ĝi kvitancas ricevon e la dosiero; esprimas la principan aprobon de la Universitato pere de la nstituto, kaj informas, ke en Januaro 1990 oni tie kreos pagatan laborposte-on por atento de la projekto. Jen la dua letero:



**UNIVERSIDAD DE SANTIAGO**
**INSTITUTO DE IDIOMAS**

22 de decembro 1989

Sr. D. Antonio Alonso Núñez
Instituto de Idiomas
Santiago de Compostela

Compráceme acusarlle recibo do dossier encol do proxecto "Cursos Preuniversitarios Internacionais en Esperanto".

En relación con este tema, éme grato comunicarlle que esta Un versidade, a través do Instituto que dirixo, expresa a súa aprobaci de principio ó proxecto, e que para atender a gastos de funcionamen e infraestructura do mesmo creará unha praza remunerada en xaneiro 1990.

Saúdoo atentamente,




Prof. Dr. Tomás Jiménez
Director do Instituto de Idiomas

..... ..... ..... ..... .....

S-ro Alonso Núñez informas, ke per la ministeria subvencio oni eldonos broŝuron (en E. kaj en la hispana) por ĝenerala informo pri la tuta kompleksa projekto. Tiun broŝuron ricevos ĉiuj legantoj de"Boletin",kaj ankaŭ la plej gravaj instancoj,asocioj kaj homoj de la E-movado.

Pri la projekto,nia Prezidanto parolis jam en 1982 en Budapeŝ-

to (okaze de "Interkomputo") kaj dufoje en San Marino (1985 kaj 1986,kadre de sesioj de la Akademio Internacia de la Sciencoj), kie li ricevis promesojn pri kunlaborado fare de internacia profesoraro por la kazo, ke la projekto fakte ekviviĝos.

Do, se ĉio iros bone, en la jaro 1993, paralele al la U.K. en Valencio, ni vidos la starigon de la Unuaj Internaciaj Preuniversitataj Kursoj en Esperanto.

Ni esperu kaj deziru, ke tiu gravega projekto atingu sukceson. Kaj ni diru jam nun tie ĉi, ke al tiu ampleksa kaj tre fleksebla projekto utilos la kunlaborado de ĉiu HEF-ano (pri kio ni oportune kaj detale parolos en "Boletin").

Sola adreso por la projekto: Curso de Esperanto. Instituto de Idiomas.- Universidade de Santiago de Compostela.- E-15780-Santiago de Compostela (Hispanio).

La Redakcio.

---

## DEZIRAS KORESPONDADI...

Fraŭlino 31-jara dez. kor. pri marioneta teatro kaj interŝanĝi bildkartojn kaj alumetskatoletojn: Vera Fikarova.-Mátová,10.- 30134 Plzv̂-Cekoslovensko.

..... ..... ..... .....

2 Fraŭlinoj 25-jaraj dez. kor. kun gehispanoj: Olga Djejeva, yi Strojkovskaja, 92, kb 135. SU-109029-Mosksva.- URSS.
Ljuba Motyljova, yi Nijegorodskaja, g9 kb 27. SU-109029-Mosksva. URSS.

..... ..... ..... .....

Sinjorino 34-jara dez. kor. kolektas bildkartojn,revuojn,ktp Adreso: Veselka Neuĉeva.-p.k7.-BG-5400-Sevlievo.Bulgario.

..... ..... ..... .....

Pola esperantisto, 24-jara dez.kor. pri turismo,geografio, historio, kolektado,ktp. Adreso: Stanislaw Pilat,PL.24-311-Rogow 116. w Lublin. Pollando.

..... ..... ..... .....

Junulo 32-jara dez. kor. pri geologio,muziko,folkloro,ktp. kaj interŝanĝi kasedojn. Adreso:Pekim T. Vaz.-cx.Post,3250. 69001-Manaus-A M. Brasil.

..... ..... ..... .....




De la 19a ĝis la 23a de Julio okazis la 49a Hispana E-Kongreso en Bilbao. Ĉirkaŭ 200 gekongresanoj partoprenis ĝin, inter ili ne multaj eksterlandanoj, kiuj sendube ĝuis la bone organizitan rendevuon.

Kiel kutime, dum la unua kongrestago okazis la disdonado de dokumentoj, la interkonatiĝo kaj ofte emocia resalutiĝo de kamaradoj kaj amikoj: ekzistis certa scivolema intereso, ĉar dum tiu ĉi kongreso oni devis elekti oficiale la novan estraron de la Federacio.

Prezidis la solenan Malfermon de la Kongreso S-ro Aragay kiel HEF-Prezidanto, kaj kun li ankaŭ la Prezidanto de la OKK S-ro Bringas kun aliaj komitatanoj. S-ro Amador Diaz, Prezidanto de Brita Esperanto-Asocio, alparolis la gekongresanojn - montrante sian scion pri la nuna stato de la Movado en la mondo sub plej diversaj aspektoj, same pri la ekologiaj problemoj kiel pri la uzo de Esperanto en komputiloj, fakte pri ĉio kio iamaniere influas en la nuna socio kaj en la malvolvo de Esperanto kiel lingvo internacia. Li estis varme aplaŭdita.

Poste, la bulgara kantistino Maria Angelova, deklamis poemon de Julio Baghy kaj kantis belajn kanzonojn. Tre juste oni aplaŭdis ŝin.

La vizito de la urbodomo de Bilbao okazis je la 13,30 h. kaj la gekongresanoj estis ĝentile akceptitaj de la Provizora Urbestro, kiu alparolis ilin kaj deziris sukceson al la Kongreso kaj al la Esperanta Movado.

Posttagmeze okazis la kunsido de la HEF-estraro kun la delegitoj de la Esperanto-Grupoj, kaj dum ĝi, la kandidato al posteno de Prezidanto prezentis la agadplanon de la nova skipo en la solvo de la plej gravaj problemoj de la Federacio. La delegito S-ino Trini Garcia, de Sant Cugat

del Vallés, kie oni projektas okazigi la venontan kongreson, ankaŭ skizis el kio konsistos tiu jubilea kongreso, kaj invitis ĉiujn partopreni ĝin. La delegitoj ankaŭ pritraktis aliajn interesajn temojn, kiel tiun pri la organizado en Valencio, de la 77a Universala E-Kongreso kaj la formaligo de la venontaj hispanaj E-Kongresoj.

En urba biblioteko de Bilbao, prelegis en la kastilia lingvo la universitata profesorino Mª Rafaela Urueña pri "Esperanto, kultura lingvo por la homaro". Belega, interesa disertacio varme aplaŭdita, ne nur de la esperantistoj, sed ankaŭ de la neesperantista publiko ĉeestanta.

Portugalaj esperantistoj prezentis surscene dialogon de la teksto"Os Luziadas" kaj interesajn detalojn pri la vivo de Camoens, la fama naviginto, kaj ankaŭ pri la histo-riaj malkovroj de portugalaj maristoj. Ili ricevis entuzias-man aplaŭdadon.

S-ro Luis Serrano prelegis pri ekonomiaj kaj sociaj problemoj, kaj talente prirakontis pri la eterna lukto labo-ro-kapitalo. Gravas, ke ni, la esperantistoj, priatentu kaj pridiskutu pri la mil diversaj problemoj de la homaro kiel simplaj homoj, kaj ne ĉiam sub la obsedo de la esperan-tisma problemaro. Ni jam parolas la lingvon, ni do uzu ĝin kiel normalan esprimilon kaj ne gravas pri kia specifa temo. Samideano Serrano ricevis la aplaŭdojn, kiujn li sendube meritis.

Kaj jen post la laboro la ripozon sub la formo de ekskurso per du ŝipetoj, de Bilbao ĝis Portugalete, kie la gekongresanoj estis afable akceptitaj de la urbestro. Tre, tre interesa kaj distra tiu ĉi ekskurso.

Vendrede, la gekongresanoj vojaĝis al la urbo Vitoria kie S-ro A.Diaz Elizalde majstre prelegis pri "Gaudi"helpate de lumbildoj. Tre interesa parolado, malkovranta al ni la mirindan arton kaj la strebojn de la universala kataluna arkitekto. Tondre kaj plaĉe oni aplaŭdadis la preleganton.

Aŭtobuse oni vizitis la urbon Vitoria, sidejo de la vaska aŭtonoma registaro. Poste, en la kulturdomo, prele-gis samideano Aŭgusto Casquero pri la temo "Esperanto, estin-teco, estanteco kaj estonteco",priesperantisma temo ĉiam ŝatata de la esperantista publiko.

Sabate, denove en Bilbao, okazis la ekzamenoj de

ILEI, kaj ankaŭ aliaj fakaj kunvenoj. Nia bona amiko Juan Carlos Ruiz, eksplikis la konkludojn el enketo farita dum la Madrida Kongreso. Se nia opinio iel povus influi nian anaron, ni rekomendus al ili pli atentan zorgon por tiaj priopiniaj esploroj kaj skrupule plenumi ilin. Koran dankon al samideano Ruiz!

Kaj fine okazis la Ĝenerala Kunsido de HEF, tre grava, ĉar oni devis elekti la novan estraron de la Federacio en momentoj delikate krizaj. Estis nur unu sola kandidato: Antonio Alonso Núñez, de Santiago de Compostela, tial li estis sendiskute akceptita. Aŭdinte la adiaŭan paroladon de la ĝistiama Prezidanto S-ro Aragay kaj premiinte lian dediĉon per longa aplaŭdado, S-ro Alonso eksplikis la programon de la nova skipo jam preparitan laŭlonge de pluraj kunvenoj okazintaj en la Centra Oficejo de Madrido: la hispana esperantistaro multe esperas de tiuj junuloj, kiuj enviciĝas nun en la estraraj postenoj, kaj jam firme prenis la torĉon por lumigi novan etapon. En mia modesta opinio, komenciĝas nun nova epoko en la gvidado de la Federacio, ne pli aŭ malpli bona, sed certe laŭ aliaj sistemoj kaj labormetodoj. La nova estraro konsistas el jenaj homoj:
Prezidanto...Antonio Alonso Núñez.
Vicprezidanto...Alberto Franco Ramirez.
Sekretario...Manuel López Hernández.
Vicsekretario...Luis Gil Pérez.
Kasisto...Fco. José Nieves Pavón.
Ĉefredaktoro de "Boletin"...Antonio Marco Botella.
Aliaj estraranoj estas...Miguel Fernández, Aúgusto Casquero, Alberto Reina, Luis Hernández, Miguel Gutierrez , k.a.

Post la prezento de la nova estraro oni konfirmis la organizadon de la venonta Hispana E-Kongreso en Sant Cugat del Vallés. Oni esprimis al la OKK de Bilbao specialan dankon: kelkaj el tiuj samideanoj laboradis tiel sindoneme, ke simplaj dankaj vortoj tute ne povas kompensi tiom da penado kaj klopodoj. Dankon!

Multaj kongresanoj vojaĝis, dimanĉe, al Gernika, kie en placa etoso okazis la oficiala bankedo. Estis ja la definitiva fino de la 49a Hispana E-Kongreso!

Kaj...ĝis San Cugat, kie ni, la hispanaj esperantistoj, celebros la jubilean 50an Hispanan Kongreson de Esperanto.

La Redakcio.

# DIAGNOZO DE MALSANOJ DE LA LOKA ESPERANTO - GRUPO

Interne de ĉiuj Esperanto-societoj estiĝas problemoj,kiujn la membroj devas alfronti kaj solvi por certigi la daŭran ekziston de sia organizaĵo. La manko de financaj rimedoj estas ĉiama kaj ĉiea plend-temo. Alia serioza minaco kontraŭ la grupo estas la perdo de membroj kaj la malsukceso varbi novajn anojn. Aldone al tiuj estas la malagrabla etoso en loka klubo pro personaj konfliktoj kaj rivaleco, pro troa krokodilado kaj pro manko de interesaj programoj.

Dum la pasintaj jaroj plioftiĝis diskutoj en Esperantaj publikigaĵoj pri la rolo de la loka grupo en la Esperanto-Movado. Unuj argumentas, ke pro ŝanĝiĝintaj cirkonstancoj, la malgranda Esperanto-rondo jam ne povas plenumi la samajn funkciojn, kiujn ĝi faris antaŭe. Tiuj societoj jam perdis sian altirkapablon do oni devas serĉi alispecan organizan strukturon por kunligi esperantistojn kaj eduki ilin lingve kaj ideologie.



La kontraŭuloj de tiu vidpunkto insistas, ke unuiĝoj de esperantistoj sur la loka nivelo estas la tradicia bazo de la tuta Esperanto-Movado. Nur tiuspecaj organizaĵoj povas doni al individuaj esperantistoj la eblon senti, ke ili estas parto de vivanta parolkomunumo, interkomunikiĝanta per la Internacia Lingvo kaj aktive celanta solvi la problemon de tutmonda komunikado trans lingvajn barilojn. La solaj esperantistoj, kiuj ŝajne ne bezonas tiun socian ĉirkaŭmedion, estas la izoluloj. Tamen, prezentiĝas en la ĉiutaga vivo kaj en raportoj en Esperantaj periodaĵoj atestaĵoj, kiuj facile povas konvinki skeptikulojn, ke jam estas tempo enterigi la lokan grupon pro la senelireja situacio, kiu rezultas, kiam la agado jam ĉesis evolui pozitive kaj laŭtakte kun la nuntempa vivo. Kiam klubanoj ne plu interesiĝas pri la fina celo kaj laboras nur por atingi memkontentiĝon, oni rajtas nomi ilin sektanoj. Organizaĵo, kiu ne sukcesas adaptiĝi al novaj cirkonstancoj, pravigas la mornan prognozon pri iompostioma vegetado kaj ŝtoniĝo. Por savi tiujn lokajn grupojn kontraŭ stagnado, regresado kaj fosiliiĝo, estas necese apliki drastajn kurac-rimedojn, inter kiuj la precipa kaj nepre nemalhavebla estas la akiro de "nova sango" por la grupo. Oni ne forgesu, ke la tri ĉefaj funkcioj de loka Esperanto-societo estas informado, instruado kaj praktika aplikado de Esperanto, kaj tiuj ĉi agadoj devas havi kiel finan celon la ĝeneraligon de la uzo de la internaciaj rilatoj. Se loka organizaĵo faras pozitivan agadon sur tiuj terenoj, oni povas defendi ĝian ekzistorajton.

Bernard GOLDEN

# ABONOJ KAJ KOTIZOJ POR LA JARO 1990

"BOLETIN" organo de HEF

Membro-abonanto . . . . . . . . . . 1.7oo, Ptojn
Emerito,junulo,senlaborulo. . . 1.200 "
Membro protektanto. . . . . . . . 3.400 "
Dumviva membro . . . . . . . .34.000, "

Pagojn sendu al:Hispana Esperanto-Federacio, poŝtkonto numero 14.011.966,Av.República Argentina, 29.-E-41011-SEVILLA.

..... ..... ..... .....

"ESPERANTO" organo de UEA.-

Jarkotizo, revuo sen membreco . . . . . . . . 2.070,-Ptojn
"MONATO" jarabono . . . . . . . . . . . . . . 2.950,- "
"KONTAKTO" (dumonata) jarabono . . . . . . 1.050,- "
" " kolektiva abono . . . 625,- "
"LITERATURA FOIRO" (dumonata) . . . . . . . . 3.100,- "

Pagojn sendu al Peranto: Juan Azcuenaga Vierna, Gral.Dávila, 127,portal 7,2º izq. Ctta. Postal 03548531.-39007-SANTANDER. (Hispanio)

..... ..... ..... .....

"HEROLDO DE ESPERANTO" Sendependa gazeto.

Jarabono . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1.800,- Ptojn
"PACO" ORGANO DE Mondpaca Esperantista Movado.
"ANTON BALAGUE", organo de Hispana Esperanto-Asocio.
Jarabono . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1.500,- "

Pagojn sendu al Peranto: Luis Serrano Pérez.-Font Nova,32 E-08202-SABADELL (Hispanio)

..... ..... ..... .....

"ESPERO KATOLIKA" organo de IKUE. Jarabono...2.200,-Ptojn

Peranto: P.Manuel Casanoves.-Roger de Lluria, 5.-E-08010-BARCELONA. (Hispanio)

..... ..... ..... .....

"SENNACIULO" organo de SAT.-

Jarabono kun membreco . . . . . . . . . . . 2.000,-Ptojn
Peranto: Ramón Manau Torres.-c/Montseny, 5,piso. 08208-SABADELL (Barcelona) Hispanio.

..... ..... ..... .....

"KAJEROJ EL LA SUDO" (trimonata) Jarabono . . . 800,-Ptojn

# 50ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO



**Sant Cugat del Vallès (Katalunio)**
**de la 11a ĝis 16a de Julio 1990**

La Organiza Kongresa Komitato (OKK) sendis al ni interesan komunikaĵon kun jenaj gravaj indikoj:

1) La kongresontoj, kiuj deziras restadi en la Kongresejo "Borja", bonvolu tion tuj sciigi al la Sekretariejo de la OKK, ĉar fakte en ĝi estas dormo-ĉambroj nur por 150 personoj.
2) La ĉambroj estas nur du-litaj (duŝo kaj necesejo estas sur la etaĝo).
3) Oni povas garantii rezervon de disponeblaj ĉambroj nur por la plej frue ricevitaj antaŭmendoj.
4) Loĝado kun plena pensiono en tiu Kongresejo kostas entute po 3.500 pesetojn persono kaj tago.
5) Antaŭmendoj por rezervigo estos traktataj nur post ricevo de 30% el la kosto de la tuta restado.
6) Ceterajn rimarkojn jam indikas la Kongresa aliĝilo, kies fotokopiitan reproduktadon oni rekomendas utiligi.
7) Enskribu vin tuj ĉe la Kongresa Sekretariejo: Grup d'Esperanto "Jozefo Anglés", Apartado 336.- 08190-SANT CUGAT DEL VALLES (Barcelona) Hispanio.
8) Sendu samtempe la koncernan pagon al la "50a Hispana Kongreso de Esperanto" Konto nº 619152 de la "CAIXA" c/Santiago Rusiñol, 1-3.- 08190-Sant Cugat del Vallés (Barcelona)

..... ..... ..... .....

Samideano: Ne atendu la lastan momenton por aliĝi vin al nia jubilea 50a Hispana E-Kongreso!

Frua aliĝo ebligos vin trovi en la Restadejo "Borja" pli plaĉan ĉambron inter la proksimaj pinoj!

..... ..... ..... ..... .....

Esperantisto: Se vi deziras akiri esperantistan kulturon kaj historiajn sciojn, ne dubu tuj viziti la Hispanan Muzeon de Esperanto en Sant Pau d' Ordal (Barcelono) Kompetenta helpanto vi trovos tie en ĝia Direktoro S-ro Luis Hernández Izal.

..... ..... ..... ..... .....

# PROVIZORA PROGRAMO DE LA 50a HISPANA E - KONGRESO

Merkredo la 11an de Julio.-

Akceptado de kongresanoj.
Disdonado de dokumentoj.
Interkona Vespero.

Jaúdo la 12an de Julio

10 h.-Kunveno de HEF-delegitoj.
12 h.- Inaúguro de la Kongreso kun aútoritatuloj.
16 h.- Ekskurso al Cerdanyola kaj Sabadell.

Vendredo la 13an de Julio.-

Tuttaga ekskurso, unue al Poblet kaj post la tagmanĝo al Muzeo de Esperanto, en Sant Pau d' Ordal.

Sabato la 14an de Julio.-

10 h.- AKSH.
12 h.- Prezentado de novaj verkoj.
16 h.- Generala Kunveno de HEF.
22 h.- Tipaj katalunaj dancoj fare de "L' Esbart de Sant Cugat del Vallés.

Dimanĉo la 15an de Julio.-

10 h.- Ekzamenoj de ILEI. Fakaj Kunvenoj.- AKSH.
14 h.- Speciala tagmanĝo kun ŝaúmvino "Esperanto".
18 h.- Oficiala Fermo de la Kongreso. Recitalo de gitaro, kantoj, ktp.
22 h.- Recitalo de ĥoroj.

Lundo la 16an de Julio.-

Ekskurso-vizito al la Olimpiadaj konstruaĵoj, eble kun gvidanto. Libera tagmanĝo.

..... ..... ..... .....

Ciuj programeroj okazos en la Centro "Borja".

# INAUGURO DE MONUMENTO AL D-ro ZAMENHOF



*La 17an de Decembro 1989 okazis en Sabadell la solena inaŭguro de monumento al D-ro Zamenhof. Partoprenis la feston, kun la lokaj geesperantistoj multaj venintaj el Barcelono, aliaj el urboj proksimaj al Sabadell, kaj ankaŭ certa nombro el ili alvenintaj aŭtobuse el Zaragozo.*

*La monumento estas tre moderne arte koncep-tita, solida kaj impona, konsistanta el kvar kolonoj el speciala metalo "coorten", neoksidema, importita el Germanujo, simbo-lantaj la kvar ĉefpunktojn. Meze de la plej alta, dekunu-metra kolono, troviĝas, tre videbla, la Esperanto-stelo, kies dia-metro estas unu-metra. Ĉe la malsupra parto de la monumento kaj fiksita reliefe estas la figuro de D-ro Zamenhof kun omaĝa teksto: "La urbo Sabadell al la iniciatinto de la lingvo internacia Esperanto". Vere simpla kaj tute emocia teksto, kun la naskiĝdato de la Majstro.*

*La monumento estos bone lumigata dumnokte per potenca reflektilo,kiu disradios sufiĉe da lumo sur ĉiujn ĝiajn partojn kaj eĉ sur tiun angulon mem de la bulvardo D-ro Zamenhof, kie ĝi situas. Kontribuis malavare al financado de tiu realigo la urbo de Sabadell, lokaj kaj eksterurbaj esperan-tistoj, privataj firmoj, personoj kaj entre-prenoj diversaj, kiuj kune havigis la respektindan sumon de ne malpli ol 7 milionoj da pesetoj.*

*Por doni internacian karakteron al la ceremonio de la inaŭguro, la"Urbana Komisiono por la starigo de la monu-mento" invitis la kleregan Vicprezidanton de UEA D-ro Ulrich Lins partopreni ĝin, kaj efektive, tuj post lia veno en la urbon li estis akceptita de la Urbestro, advokato Antoni Farrés Sabater kaj de la Barcelono-provinca deputito Sebas-tiá Ribes, kiuj oficiale regalis lin per arta miniature*

*reproduktita antikva blazono de la urbo Sabadell, honoro kiun kutime oni faras nur al prestiĝaj gravuloj.*

*La inaŭguro-festo komenciĝis la indikitan tagon, frumatene, en la bulvardo D-ro Zamenhof (nomo ricevita en la jaro 1912 kaj nur malaperinta dum la regado de Franco) kaj malfermiĝis per regalo al ĉeestantaj infanoj de bongusta diluita ĉokolado. Tuj poste, okazis konkurso pri desegnaĵoj por infanoj ĝis 10-jaraj pri la temo"la monumento". Intertempe, la muzikista grupo"Kordoj" de Mataró ludis koncerton el tute modernaj melodioj kaj kelkaj kanzonoj en Esperanto,por distri la plej aĝajn, kiuj cetere povis ankaŭ akiri Esperantajn librojn en du standoj tie mem starigitaj.*

*Proksimume je la 12a horo, la Urbestra Moŝto Antoni Farrés, la Prezidanto de la U.K. S-ro Pere Soler,Sekretario de sama Komisiono S-ro Galofré, Prezidanto de Kultura Asocio Esperantista S-ro Manau kaj aliaj gravuloj inaŭguris oficiale la monumenton per interesaj paroladoj, lerte simultane tradukitaj al la ĉeestanta publiko, de nia bona amiko Ramón Manau. En sia priEsperanta parolado, D-ro Lins emfazis la favoran influon ke por nia Movado jam havas la liberiga perstrojka proceso, kiun travivas en ĉi tiuj momentoj la landoj de Orienta-Eŭropo,kaj akcentis la fakton ke Zamenhof, kiel polo, jam disvastigis teoriojn en tiuj teritorioj favorajn al la interpopola frateco, kaj finis sian elokventan paroladon esprimante la konvinkon pri la granda rolo de Esperanto en la unuiĝo de nova Eŭropo, nun naskiĝanta...*

*Muzikista ensemblo ludis la esperantistan himnon"La Espero", kaj tuj post la ceremonio ĝi ludis ankaŭ folkloran muzikon por tiuj kiuj deziris dancadi sub la milda ritmo de "sardanoj"(tipa kataluna danco).*

*Post la menciita inaŭguro kaj dancado de"sardanoj" en la bulvardo Zamenhof, preskaŭ ducent geesperantistoj sin direktis al hotelo Urpi, kie okazis amikeca kunmanĝado, dum k-do Manau akompanis aŭtomobile D-ron Lins ĝis la flughaveno"El Prat"de Barcelono, ĉar urĝe li devis reflugi al Kolonjo. La Vicprezidanto de UEA esprimis sian kontenton same pro la amika akcepto de la esperantistoj de Sabadell kiel pro la ĝentileco de la aŭtoritatuloj de tiu kataluna urbo, kiuj altgrade montris sian gastamecon. La Prezidanto*

*de KAE donacis al li du volumojn de la interesa libro"Analoj de la Esperanta Movado en Hispanujo" de la hispana historiisto A.Marco Botella, verko kiu sendube helpos lin pli bone kompreni la E-Movadon en Katalunio, priskribitan sufiĉe amplekse kaj objektive en la aludita libro, kaj tial tre utila por li kiel Esperanto-historiisto.*

*Kiel kulminon de tiu diversfaceta festo, oni devas mencii la kunmanĝadon en hotelo Urpi, kie regis frata etoso. En la kutima momento de la paroladoj, la komitatano kaj reprezentanto de UEA en Hispanio, Salvador Aragay, invitis la diversajn hispanajn E-Grupojn subteni la organizadon de la 77a Universala E-Kongreso okazonta en Valencio. Krome, li, kiel Prezidanto de "Barcelona Esperanto-Centro" prezentis ĝian ĵus eldonitan libron"Esperanto en prospektivo", verkitan de Giordano Moya, kiu, siaflanke, ankaŭ paroladis por glosi certajn aspektojn de la verko.*

*En la nomo de la Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio salutis la ĉeestantaron A.Marco Botella, nuna ĉefredaktoro de "Boletin", por emfazi la simbolan signifon de la inaŭgurita monumento kaj la gratulon al la sabadellanoj de S-ro Alonso Núñez kaj de ĉiuj hispanaj esperantistoj. Fine, S-ino Trini García-Cobacho, Prezidantino de la jubilea 50a Hispana E-Kongreso, invitis ĉiujn aliĝi kaj partopreni ĝin en monato Julio, en Sant Cugat del Vallés.*

*Gratulon kaj dankon al niaj samideanoj de Sabadell pro la monumento kaj la memorinda festotago! Tutkoran dankon al vi, amikoj karaj!!*

*Redaktita laŭ raporto de V.Hernández Llusera*

---

## VIGLAS LA MOVADO

La 10an de Januaro, en Reus, invitite de la Associació de Dones (Asocio de Virinoj) samideano Salvador Gumá prelegis pri Esperanto en la grava Centre de Lectura (Biblioteko).

La salono pleniĝis per la ĉeesto de ducent kvardek virinoj, kiuj tre atente sekvis la informojn plurfacetajn - pri la nuna stato de Esperanto en la mondo.

ATENTINDA KAJ INTERESA:

# La rezolucio de Perpinjano

*Preskaŭ 140 kongresanoj en la universitato de Perpinjano aŭskultis kaj debatis prelegojn de Pierre Janton, Claude Piron, Giorgio Silfer, kaj aprobis la rezolucion ĉi-apude.*

La 24ª Kataluna Kongreso de Esperanto, okazinta en Perpinjano de la 8ª ĝis la 11ª de septembro 1989, pri la temo *Esperanto en la perspektivo de estonta Eŭropo, de ĝiaj institucioj kaj de ĝiaj lingvaj konfliktoj,*

**konstatas**

la progreson de la Eŭropaj institucioj en la akcelo de la procezo de ekonomia integriĝo, sed samtempe la grandan malfruon en la sferoj de la interhomaj kaj interkulturaj rilatoj, ankaŭ fronte al la ne adekvate atentataj fermentoj en la diversaj lingvoetnoj de Centra kaj Orienta Eŭropo.

Specife, en la kampo de lingvopolitiko ĉe Eŭropa Komunumo (EK), la Kongreso

**subtenas**

la elekton de la principo de lingva egaleco, inspirita de la multlingvismo, sed firme

**protestas**

pro la ĉefaj linioj de la programo LINGUA, aprobita fare de la 1321ª sesio de la Ministroj pri Klerigado de la dek du membroŝtatoj. Tiu programo sankcias la ŝtatan oficialecon kiel solan kriterion por difini kulturan kaj lingvan identecon, kreante per tio precedenton tre danĝeran jure, politike kaj etike: la ceteraj lingvoj estus definitive konsiderataj duarangaj spite al la efektiva disvolviteco kaj valora kontribuo al la mozaiko de la eŭropa civilizo; krome, la programo LINGUA neglektas la dimension de la novaj realaĵoj formiĝintaj kaj firmiĝantaj pro la migrofluoj, en la sferoj gastlaborista kaj turisma; fine, la nuna lingvopolitiko de EK ne donas adekvatan konsideron al la atingoj de la esperantlingva komunumo, kiu estas unika ekzemplo de praktika realigo de la eŭropa civitismo.

La Kongreso

**alvokas**

al la sentemo de kulturagantoj, politikistoj, asocioj kaj ĉiuj engaĝitoj por labori kune kun la esperantistoj cele al la modifo de la lingvopolitiko de EK, ene de perspektivo pli demokrata kaj pli praktika.



**de Giorgio Silfer**

Alproksimiĝas la «fatala» Novjartago 1993, kaj ankaŭ la esperantistoj, almenaŭ en Okcidenta Eŭropo, intensigas sian atenton pri la konsekvencoj de la enkonduko de la t.n. Unuiga Akto, specife en lingva kampo.

Ĝenerale, la debato evoluas ne kontentige: oni insistas pri la enkonduko de esperanto en EK-on laŭ pracela pensmaniero kaj oni plendas pro la ekspansio de la angla lingvo. La unua punkto montras la strategian malfruon de multaj landaj societoj; la dua emfazas la mankon de adekvataj konoj pri la reala situacio en EK.

En ĉi tiu mizera panoramo elstare diferenciĝas la rezulto de la lasta kongreso de Kataluna E-Asocio. La Rezolucio de Perpinjano fontas unuflanke el profunda analizo pri la lingvopolitiko de EK, kaj aliflanke el raŭmisma koncepto: ne la lingvo gravas per si mem, sed la *unika ekzemplo de praktika realigo de la eŭropa civitismo*, per kiu Esperantio meritas atenton kaj estimon.

La lingva problemo en EK ne similas al tiu en UNO: se Nov-Jorko suferas pro ekonomiaj kostoj kaj juraj diskriminacioj, Strasburgo ne konas diskriminaciojn, almenaŭ teorie – ĉiu ŝtata lingvo estas oficiala EK-lingvo, inkluzive de la gaela. Diversaj internaj faktoroj efikas tamen favore al la pligraviĝo de kelkaj lingvoj, kompare kun aliaj, sed la rezultanta misekvilibro ne helpas unuavice la anglan: eventuale, ĝi fortigas la rolon de la **franca**. La lingvopolitiko de EK estas eĉ certagrade obstaklo al la ekspansio de la angla sur tiu ĉi kontinento.

Tiun politikon karakterizas, de ĉiam, la multlingvismo: ekzistas eĉ ne la plej eta ŝanco ke EK adoptu unu solan oficialan lingvon. Persistante laŭ tiu vojo, EK devas fronti la komplikan problemon de la intergenta komunikado: la programo LINGUA estas la unua efektiva solvo proponita al la membroŝtatoj.

Laŭ tiu programo, kies aplikolinioj estis ĉi-somere aprobitaj de la Ministroj pri Klerigado (por FRG, ne temis pri la ministro, sed pri iu kunordiga komisiito), 200 milionoj da ekuoj estas destinitaj, por la periodo 1990-94, al la disvastigo de la lingvolernado en la EK-landoj. Specife:
– al la plimultigo de klasoj pri minoraj lingvoj, ankaŭ damaĝe al la ekzistanta privilegio de kelkaj;
– al la fakigo de (lingvo) instruistoj;
– al la stimulado de lingvolerno ĉe universitatanoj;
– al la lingvolerno kadre de la

*Programo LINGUA difinas la lingvopolitikon de la nuna EK: interŝtata plurlingvismo, stop al la angla, ignoro pri la etnismaj petoj, silento pri la sola sukcesa provo de eŭropa civitismo – nia esperanta civito.*

profesia formado en entreprenoj aktivaj sur supernacia nivelo.

Pro la fortaj rezistoj de la germana kaj de la brita reprezentantoj (kiuj timas altrudiĝon de EK en la normadon de la lernejsistemoj), la Ministroj rezignis pri pliaj konkretaj punktoj, kia la lernejaj interŝanĝoj. Pli grave, la Ministroj agnoskis en la programo LINGUA nur la oficialajn ŝtatlingvojn: franca, germana, angla, itala, kastilia, nederlanda, portugala, dana, novgreka, gaela; lastmomente aldoniĝis la luksemburga.

La programo LINGUA estas kritikebla laŭ pluraj vidpunktoj. Unuavice, ĝiaj kompilintoj ne konscias pri la funkciaj diferencoj inter unu idiomo kaj alia: ekzistas unukulturaj lingvoj, kies ellerno faciligus la kontakton nur kun unu areo (ekz. la gaela), kaj plurkulturaj lingvoj, kies komunika valoro transpaŝas landlimojn. Plia difino, neglektita de la programo, estas diaspora lingvo: la komunikan valoron de la itala kaj la kastilia grandigas la ĉeesto de nombraj gastlaboristaj komunumoj en la centraj EK-landoj. Krome, mankis konscio pri la rolo de turisma lingvo ambaŭdirekte efika: la migrofluoj ĉikaze koncernas precipe la mediteraneajn landojn, Brition kaj Germanion. Fine, la kreskantaj fermentoj ĉe lingvoetnoj ĉie en Eŭropo devus inspiri pli da prudento antaŭ ol sankcii liston, kiu enhavas idiomojn ege malpli parolatajn ol aliaj neŝtataj (inkluzive de esperanto), kaj eĉ la luksemburgan, multe pli similan al la germana ol multaj dialektaj variantoj en FRG mem.

Estas apenaŭ kredeble, ke iu socilingvistika eksperto gvidis la decidojn de EK en ĉi tiu kampo; estas facile prognozi, ke la programo LINGUA produktos minimumajn rezultojn. Interalie, la programo lokalizas en la lernejo la ĉefan lokon kie plenumi siajn celojn: mankas realisma konscio pri la efektiva stato de la lernejaj sistemoj, kies krizo estas ĝenerala kaj foje (ekzemple en Italio) proksima al kolapso. Trovu italon, kiu kapablas paroli (eĉ nur lege kompreni) fremdan lingvon lernitan ekskluzive kadre de la deviga sistemo! Notu bone, mi ne asertas, kiel faras la plej piaj pracelanoj, ke fremda lingvo ne estas lernebla, sed nur ke la lerneja sistemo ne taŭgas por ĉi tiu celo.

Kiel agu la esperantistoj, en ĉi tiu kunteksto? La plej naiva respondo estus: proponi al EK ke ili adoptu esperanton kiel laborlingvon. Multe pli pragmate estus postuli iom pli da atento pri la atingoj de Esperantio, kaj mem entrepreni oportunajn iniciatojn (ekz. la lernejajn interŝanĝojn). Sed tiam la alparolato ne estus plu la EK-institucioj: kiel prave atentigas la Rezolucio de Perpinjano, necesas aktiviĝi por konstanta laboro ĉe la bazo, «herbo-radika», komune kun aliaj franĝoj de la socio. Ni devas konstrui nian Eŭropon, kaj ne perdi tempon kun la oficiala «Eŭropo». Tiel la esperantistoj fariĝos socikultura avangardo, kaj ne nur neglektinda utopieca premgrupo. ❀

# EL POPOLA ĈINIO

Denove alvenis ĝenerala abonvarba periodo!
Ĉi-jare, ekde la 1ª de Oktobro ĝis la 28a de Februaro 1990, kaj post kvar jaroj de sensanĝaj abontarifoj, estas nun reviziitaj kaj fiksitaj laŭ jenaj indikoj:

1 JARO:1.500 Ptojn, 2 JAROJ:2.400 Ptojn 3 JAROJ:3.400 Ptojn

Sed ne timu, ni ofertas specialajn abontarifojn por premii la fidelajn reabonantojn kaj por stimuli la bonvenajn novajn abonantojn, per neripeteblaj kondiĉoj. Vidu sekvantan tabelon kaj kaptu tian unikan okazon por aboni aŭ reaboni ambaŭ revuojn:

| | | El Popola Ĉinio | | | China Construye |
|---|---|---|---|---|---|
| | | 1 jaro | 2 jaroj | 3 jaroj | Ofic.tarifo |
| El Popola Ĉinio | Spec.tarifo | 1350 | 2160 | 3060 | |
| China Construye | 1 año | 2250 | 2925 | 3675 | 1500,- |
| (hispanlingve) | 2 años | 2925,- | 3600- | 4350,- | 2400,- |
| | 3 años | 3675,- | 4350- | 5100,- | 3400,- |

Skribu al S-ro Félix Gómez Martin.c/Corbeta,8.-5º A 28042-MADRID. (Hispanio). Atentu, ne sendi monon per BANK-TALONO, prefere per POSTMANDATO aŭ al konto 2038-1828-6001254115 "Caja de Madrid" en Zona Ind. nº 1 Aerp.Barajas 28042-MADRID. Atentu la REABONANTOJ: por daŭre ricevi seninterrompe la revuon, renovigu la abonon antaŭ ol ĝia finiĝo. DANKON!

---

NEKROLOGO.- En Santander forpasis esperantista veterano S-ro URBANO GOMEZ COLLADO. Naskita en Novales (Cantabria), la 20an de Aprilo 1899, eklernis Esperanton en la jaro 1926. Fidela al la idealoj esperantistaj, multjara aganto por nia lingvo, li gvidis kursojn eĉ en prizono. Kunfondinto de ĉiuj Grupoj esperantistaj en Santander de post sia esperantistiĝo, eĉ laste de "Asociación Cántabra de Esperanto". Apoganto de ĉiuj, per esperantaj klopodoj, kiel Hispana Esperanta Biblioteko, aperinta antaŭmilite, de la Centra Sidejo de HEF en Madrido, ano 23 de Hispana E-Federacio, ktp. Li partoprenis plurfoje la naciajn kongresojn kaj ĉeestis ankaŭ la Universalan en Madrido, urbo kie li partoprenis en 1980 sian lastan kongreson.Li ankaŭ estis dum jaroj membro kaj Delegito de UEA en Santander, kie li forpasis la 9an de Junio 1988. Ripozu pace samideano Urbano.

# MEMORINDAJ SONETOJ

Picasso omaĝis per tiu ĉi desegno poemon de Gongoro kaj la figuron de tiu granda poeto:



La poemo, memorinda soneto, kantas la gloron de Kordovo, naskiĝurbo de la poeto, per jenaj belaj strofoj:

Ho glora muro,turoj tutkronitaj
de brav',honoro kaj majesto dia!
Ho grandriver',grandreĝ' Andaluzia
kun sabloj noblaj,kvankam or-evitaj!

Ho riĉa val',montaroj alte sidaj,
sun-oraj sub ĉiel' privilegia!
Ho ĉiam-glora patro-lando mia
per plumoj kaj per glavoj glor-merit

Se vin memori inter ruba nesto,
frukta Genil kaj Daŭro rubo-bana,
ne iĝis mia nutro en realo,

ne indu ĉi okuloj en foresto
vidon de l' turoj, mur',rivero,valo
kaj montoj, ho patrujo,flor' hispana!

<u>LUIS DE GONGORA Y ARGOTE</u> (Kordovo 1561-1627)

Genia poeto, kreinto de la baroka stilo. Unu el la plej altaj pintoj de la hispana poetiko. En lia verkaro aperas, dum la unua periodo, kanzonoj kaj romancoj laŭ la plej tradicia stilo. Poste, li, iom post iom evoluas al stilo pli rafinita, kiu fariĝas tute kultisma, saĝa kombino de muzikema leksikono, konstantaj mitologiaj aludoj, preciozismaj figuroj kaj vera eksplodo de metaforoj, metonimioj kaj sonoraj hiperbatoj. Tiel naskiĝis la "gongorismo", poezio multe influanta plurajn generaciojn de hispanaj poetoj, eĉ nuntempaj, kiel Garcia Lorca, Alberti, Hernández, k.a. Citindaj verkoj de Gongoro estas"Panegiro pri duko Lerma","Solecoj", k.a.,krom multenombraj romancoj,sonetoj kaj trioletoj...

